# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
10-a jaro N-ro 2 (37) junio 2011



**Kovrilfoto: Hou Zhiping el Ĉinio**

NOVAĴO

## Trembrilas verda stelo, Pompfloras floro de amikeco

Sukcesa vizitado de Delegacio el Pocheon al Chaoyang



La 1-an de junio 2011 8-persona delegacio de Pocheon, urbo de la suda Koreio, vizitis la urbon Chaoyang de Liaoning-provinco, Ĉinio. S-ro HUA Ruiqi, vic-urbestro de Chaoyang, akceptis la delegacion. Ambaŭ flankoj koncize prezentis evoluon de la urboj respektive, kaj detale interparolis pri ĝemeligo de la du urboj kaj akcelo de ekonomio, kulturo, turismo kaj medicino. La delegacio vizitis entreprenojn koncernajn pri elektronikaĵoj, agrikulturaj kromproduktoj, vino-industrio, prilaboro de laktaĵoj kaj tiel plu, kaj muzeon de antikva bio-fosilio. S-ro WANG Hong, vic-urbestro de Chaoyang, kaj s-ro YOON Suk Hee, vic-urboestro de Pocheon, atingis komunan konscion je kunlaboroj de la du urboj pri medicino kaj eduko. S-ro LEI Da, vic-direktoro de la konstanta komitato de la Chaoyang-a popola kongreso kaj s-ro LEE Pu Whi, vicestro de la parlamento de Pocheon unuvoĉe interkonsentis pri intensigo de ambaŭflankaj interŝanĝo kaj intervizito.

Al tiu ĉi sukcesa vizito s-ro Yoon en sia parolado diris, ke Liaoning estas regiono kie plejmulte investis la koreaj komercistoj, Pocheon intensigos propagandon de Chaoyang, instigos pli multajn koreajn komercistojn investi ĉi tie por prosperigi industriojn，bonvenigas plimultajn urbanojn de Chaoyang turismi en Pochen, ambaŭ flankoj havas multajn spertojn lerni unu de alia kaj komune evoluas en interŝanĝo kaj kunlaborado, kaj per tio prosperigas ekonomion de la du urboj, kaj akcelas amikecon inter la du landoj. S-ro Yoon ankaŭ esprimis apartan dankon al s-ro LIU Weijie, estrarano de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio kaj estro de la provinca Asocio por Intensigo de Ekonomio kaj Kulturo, pro lia pont-servo por ĝemeligi la du urbojn, samtempe la delegacio havis sufiĉe da konscio kaj kompreno al evoluo kaj apliko de Esperanto. (La supra foto montras interparolon inter du vic-urbestroj, s-ro Liu Weijie, la unua dekstre, kaj vic-estroj de la du urboj, sur la malsupra foto).



El raporto de Liu Weijie

## Dum la kunsido de la 60-a datreveno de ĈEL

La 20-an de majo 2011 la kunsido de la 60-a datreveno de Ĉina Esperanto-Ligo solene okazis en Pekino, kun temo “Marŝi kun espero” kaj pli ol 260 partoprenantoj. S-ro CHEN Haosu, prezidanto de ĈEL, s-ro GUO Xiaoyong, konstanta vic-prezidanto de ĈEL kaj s-ro




Renato Corsetti, eksa prezidanto de UEA, faris paroladojn. Dumvivan premion ricevis la veteranaj esperantistoj LI Shijun, Li Sen, XIE Yuming kaj TAN Xiuzhu. YU Tao, ĝenerala sekretario de ĈEL, prezidis la kunsidon.

Dum la kunsido la komisiito interŝanĝis vidpunktojn pri evoluo de la projekto kun s-ro Renato Corsetti, kaj unuafoje renkontis nemalmultajn legantojn de nia bulteno, i.a. Prof. WEI Yida, redaktoro de la esperanta literatura gazeto "Penseo" kaj konstanta vic-prezidanto de Chongqing-a Esperanto-Asocio. Li ĉiam alte taksas la projekton kaj la bultenon "Informilo de Ĝemelaj Urboj". Kaj donis entuziasman subtenon al projektado de la PDF-formo de la bulteno. Li diris, ke agado de ĝemelaj urboj estis relative mallarĝa en kampoj de Esperanto-uzado, sed testis tre alloga pro diligenta laboro de la funkciuloj, kaj pli kaj pli vekis atenton kaj intereson de esperantistoj al tiu ĉi tereno, kredeble ĝia vojo estos plilarĝa. Laste li donis bonajn proponojn al redaktado de la bulteno, ekz. elekto kaj traktado de fotoj.



## URBESTRO KAJ ESPERANTO

**Zlatko Tišljar el Slovenio, kiel sekretario de la Eŭropa Esperanto-Unio, partoprenis en la Esperanto-kongresoj de Pollando kaj Kroatio kaj faris paroladojn. El liaj raportoj oni plue trovis kiel grava estas la rolo de urbestroj por akceli la Esperanto-movadon. Titoloj estas aldonitaj de la redaktoro.**

### Sukceso ankaŭ rezultis el la urbestro






De la 31-a de aprilo ĝis la 7-a de majo 2011 okazis en Nowy Sacz en suda Pollando memorinda 32-a Pola Esperanto-Kongreso, kiun partoprenis ducent partoprenantoj kun gastoj el deko da landoj. S-ino Halina Komar, prezidantino de Pola Esperanto-Asocio kaj de la LKK, sukcesis organizi ege buntan kaj multflankan aranĝon, kun kontentigaj prelegoj, altkvalitaj kulturaj programoj preskaŭ plene profesiaj, interesaj ekskursoj, riĉa libroservo… la plej valora maloftaĵo en tiuj ĉi E-aranĝoj estis ege altkvalita kunlaboro kun la diversaj lokaj instancoj, nome la Urba Kulturdomo, la starosto (regionestro) kaj la urbestraro. I.a. kunlaboro kun la urbestraro rezultis per ege interesa programo dediĉita al prifesto de la Eŭropa Tago (la 9-a

de majo) kiu okazis ĵaŭdon, la 5-an de majo. Samtage s-ro Ryszard NOVAK, urbestro, ankaŭ akceptis la kongresanojn, la vicurbestrino s-ino Bozena JAWOR alparolis la ĉeestantojn. Krome estis inaŭgurita la unuan fojon publike kantata eŭropa himno skribita originale en Esperanto. Gejunuloj el meza lernejo tiam defilis kun 27 flagoj de 27 EU-ŝtatoj.

## La plej forta subteno venas el la urbestro






La 14-an de majo 2011 okazis la 9-a kongreso de kroataj esperantistoj en la urbo Bjelovar. Partoprenis preskaŭ ducent partoprenantoj kaj gastoj el deko da landoj. La karakterizo de la kongreso estis signifa partopreno de esperantistoj el preskaŭ ĉiuj respublikoj de la iama Jugoslavio kaj renkontoj post dudeko da jaroj de iamaj konatoj kaj amikoj. Nepre menciindas escepte granda kaj sincera subteno al la kongreso far la urbestro Antun KORUŠEC. Pro tio eblis aferoj kiuj malofte estas je dispono al esperantistoj. La urba muzeo disponigis siajn ejojn por impona ekspozicio pri historio de la E-movado en Kroatio (parte Jugoslavio) ĉefe el la kolekto de Josip PLEADIN. Je la dispono estis tre bela kulturdomo, kaj la kultura programo estis imprese abunda. Krome kun plena entuziasmo li akceptis la ideon pri la kongreso de kroataj esperantistoj en "sia" urbo. Jen li sur la donita foto (fotita de Josip Pleadin), en sia oficejo, en la momento kiam li, kiel la kongresano n-ro 1, subskribas la kongresan aliĝilon. Lia agado simbole invitas ankaŭ ĉiun aliĝi!

La kongreso okazis sub la signo de 100-jariĝo de la unua tradukita literaturaĵo el la kroata lingvo al Esperanto, la romano de kroata verkisto August ŠENOA “Trezoro de la oraĵisto”. La tradukon efektivigis Bjelovarano Fran KOLAR kaj fondinto de la Bjelovara E-societo. Krome pluraj eroj de la kultura programo rilatis al literaturo kaj libroj, ekz. prezentado pri porinfana libro “Pirgo” esperantigita de Anĝelka MARTIČ, “Sklavoj de Dio” tradukita de Aleksandar KOCIJAN, la E-lingva versio de la Vivo de Damoru,verko tradukita de Malasre DASHGUPTA el la bengala lingvo. Saša Pilipović kaj Miĉo RHOVEC ludis parton el la spektaklo “10 tagoj de kapitano Postnikov” baze de la libro de Mikaelo BRONSTEIN. Oni sendube devas diri, ke la centra motoro de la kongreso kaj ekspozicio estis Josip Pleadin, prezidanto de la eldonejo Grafokom, el kiu venas la libro Pirgo.

En la malferma parto interalie parolis la urbestro Antun Korušec kaj prezidantino de KEL, Judita REY-HUDEČEK.

URBAJ STILO KAJ TRAJTO

## Ĝardena urbo, Toowoomba

## Urba historio



Toowoomba situas en suda Kvinslando, Aŭstralio, distance 127 kilometrojn de Brisbano, ĉefurbo de Kvislando. Ĝi estas la dua granda enlanda urbo de Aŭstralio kun 159000 homoj (2009). Ĝia historio datiĝis de 1816. Tiam la brita botanikisto kaj ekspediciisto Allan Cunningham alvenis tie el Brazilo, sed li ne estis rigardita kiel la unua fondinto de la urbo, William Horton havis tiun gloron pro sia konstruado de Reĝa Bova Kapo Hotelo, kiu restas ĝis hodiaŭ. En la 24-a de novembro 1860 nova municipo oficiale fondiĝis laŭ deziroj de lokaj loĝantoj, kaj en 1861 William Henry Groom fariĝis ĝia unua estro. En 1904 Toowoomba estis oficiale deklarita urbo. Podetala komercado, servoj por sano kaj komunumo, fabrikado kaj eduko estas ĉefaj industrioj por dungitoj de Toowoomba, tamen ekspluato de energiaj fontoj en Surat Basin kaj prilaboro de manĝaĵoj estas latenta kresko de la tiea ekonomio.

Toowoomba estas ĉefa eduka centro, tie troviĝas nombroj da lernejoj ŝtataj kaj privataj, ekz. Toowoomba Ŝtata Supera Mezlernejo, Centjara Ŝtata Supera Mezlernejo, Harristown Ŝtata Supera Mezlernejo ktp. Al ĝi ne mankas altlernejoj, interalie Universitato de Suda Kvinslando havas amason da eksterlandaj studentoj. Toowoomba estas bone konata pro la Flora Festo, kiu okazas ĉiujare en septembro, ĝi jam fariĝas tipa simbolo de la tiea kulturo. Oni nomas Toowoomba ĝardena urbo.

## Esperanto-movado

La Esperanto-Societon de Toowoomba (TES) oni fondis en 1970 per zamenhoffesto en la hejmo de la unua prezidanto s-ino W. HARVEY, kaj baldaŭ sekvis kunvenoj en la Plenaĝula Eduka Centro. Post pluraj jaroj tiu centro ne plu estis havebla, kaj dum jardekoj okazis kunvenoj en la hejmo de membroj. Nun la societo, kun 10 membroj, kunvenas en centro kie oni helpas rifuĝintojn kaj enmigrantojn. En Aŭstralio tiuj, kiujn Esperanto interesas, ofte estas el aliaj landoj.

Ne ĉiam estas klasoj, sed de tempo al tempo oni instruas. Frua prezidanto, S-ino Jean LEHANE, ne nur instruis en Toowoomba, sed organizis la unuan Aŭstralian Esperantan Somer-Kursaron en januaro 1977. Dum diversaj festivaloj, ekzemple Toowoomba festivalo de lingvoj kaj kulturoj, la societo havas budon kaj informas pri Esperanto.

Membroj vizitis diversajn universalajn kongresojn kaj aliajn internaciajn esperantajn aranĝojn, korespondas eksterlande, kaj ŝatas bonvenigi al Toowoomba esperantistojn el aliaj landoj. Nun (en junio 2011) la membroj preparas sin por la jubilea kongreso de la Aŭstralia Esperanto-Asocio en Adelajdo, kie la unua kongreso okazis en 1911.

## Ĝemelaj urboj

Toowoomba oficiale ĝemeliĝas kun Wanganui en Nov-Zelando, Takatsuki en Japanio kaj Paju en la suda Koreio. TES tenas kontakton kun Esperanto-Societo en Takatsuki (EST) en Takatsuki. Invitite de EST S-ino Jean Lehane partoprenis Kongreson de Esperantistoj en Kansajo okazinta en 1997 en Takatsuki. La supra foto estas ĝardenoj en granda parko de Toowoomba, Queens-parko.

El la retejo Vikipedio kaj raporto de Hazel GREEN




Budo en la loka universitato




Membroj de TES dum kunveno en 2010

INTER ĜEMELAJ URBOJ

## Renkontiĝo en la rondo de ĝemelurboj



De la 2-a ĝis la 5-a de junio 2011 kvar reprezentantoj de Breŝa Esperanto-Grupo, Italio, partoprenis en la tradicia renkontiĝo de la Ĉielira Semajnfino inter ĝemelurbaj esperanto-grupoj, organizita ĉi-jare de la Esperantogrupo en la germana urbo de sciencoj Darmstadt. Ĉi-jare tiu renkontiĝo koincidis kun la Eŭropa Semajnfino, aranĝita ĉiujare de la Darmurba Komunumo kun invito al la ĝemelaj urboj.

Kunvenis inter 40 kaj 50 geesperantistoj el la grupoj de Darmstadt kaj Frankfurto (Germanio), Breŝo, Troyes (Francio), Alkmaar (Nederlando) kaj Tata (Hungario). La kultura programo de la esperantista renkontiĝo interplektiĝis kun tiu de la publikinstanca, kaj antaŭvidis: klasikmuzikan koncerton de internacia kvinopo el svisa konservatorio, viziton al grandega farbprodukta industrio, viziton al asparaga farmbieno (kun memprovo de la rikoltado), voĉmuzikan koncerton de la Alkmaara ĥoruso “Malvo”.

La esperantistoj partoprenis en la tradicia arbarpromenado "Grenzgang", laŭ kies itinero eblis renkonti standojn de la ĝemelurboj de Darmstadt: Alkmaar, Breŝo, Chesterfield, Płock, Saanen, Trondheim, kun lokaj tradiciaj gustumaĵoj kaj muziko. Ĉe siaurba stando la breŝaj esperantistoj renkontis la skabenon kaj funkciulojn de la Komunumo, kaj ilin regalis per esperanta inform- kaj lernmaterialo.

La urbon ili vizitis laŭgvide de la ĉeforganizanto Detlef HAUSSNER, kiu majstre kaj detalece priskribis la arkitekturon, la topografion kaj la historion (eĉ geologian) de la vizititaj urbopartoj.

Dum la internacia vespero, kies ĉefa ero estis la menciita ĥorusa koncerto de “Malvo”, altiris atenton la lumbildprezento de Breŝo kaj ĝiaj tipaj trajtoj, disvolvita laŭ sprita sed preciza maniero. Dum la internacia vespermanĝo ĉefrolis la diversnaciaj fromaĝoj, kies frando interkonatigis proprajn kaj alies saporojn.

La tre zorgema organizado de la paro Detlef kun Susanne WARMUTH, helpita de Maria MERLA kaj de la aliaj darmurbanoj, igis la aranĝon vere ĝueblan eĉ se unuavide la programo ŝajnis plenŝtopita de interesaj eroj.

Nun Breŝo eniris la rondon de tiuj ĝemelurboj kunrenkontiĝantaj (antaŭe la aranĝo okazis inter la grupoj de Darmstadt, Troyes, Alkmaar kaj Tata): estas dezirinde, ke ankaŭ en la venontaj jaroj breŝanoj partoprenu tiun Ĉieliran Semajnfinon... ĝi vere indas! (Titolo estas aldonita de la redaktoro)

Luigi FRACCAROLI

## SERVA PLATFORMO

La urbo Soĉi en Rusio havas ĝemelajn rilatojn kun Cheltenham en Grandbritio, Menton en Francio, Rimini en Italio, Espoo en Finnlando, Long Beach en Usono, Trabzon en Turkio, Pärnu en Estonio, Weihai en Ĉinio, Sidon en Libano, Las Piñas en Filipinoj, Kerch en Ukrainio kaj Volos en Grekio. La Esperanto-klubo Laro en Soĉi deziras havi kontaktojn kaj kunlaboron kun tiuj ĉi urboj. Vladimir Bespalov, prezidanto de Esperanto-klubo en Soĉi. Kontaktadreso: Esperanto-klubo, abonkesto 913, RU-354000 Sochi-centro, Rusio. Retadreso:: bespalov_sochi@mail.ru kaj laro96@yandex.ru Skajpo: vladimir.bespalov1. Telefonoj: 7-9180-053368; 7-8622-621347


## Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ino Maritza GUTIÉRREZ GONZÁLES, estraranino de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, komisiito de la projekto

Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de